# Internacia Fervojisto




Dumonata organo de la Internacia Fervojista Esperanto-Federacio (IFEF)
kaj fervojfaka revuo

ISSN 1397-4270

2017.6

**La reloj ligas la landojn – Esperanto la popolojn**

# Plia tunelo – plia rekordo

## Karaj gelegantoj,

ĵurnalisto antaŭ nelonge rakontis anekdoton el trajnkupeo en Francio, kiun eniris miksita grupo probable sur la revojo de kongreso por instruistoj pri la germana lingvo. Ilia germanlingva diskuto estis vigla ĝis ili konstatis ke la ĵurnalisto legis germanan gazeton kaj evidente estis kompreninta ilin. La konsciiĝo abrupte ĉesigis la konversacion kaj kondukis al kontinua silento.
La instruistoj ne kuraĝis spontanee diri frazon en la lingvo kiun ili studis dum multaj jaroj ne estante certaj ke ĝi estas perfekta - tro granda la timo sin kompromiti antaŭ la eble lingvosperta aŭskultanto kaj la faksciaj kolegoj.
Se eĉ instruistoj evitas paroli en la lingvo kiun ili instruas, ankaŭ la lernantoj tion ne faros. Jaron post jaro ili lernas bazajn sciojn por aranĝi frazojn kiel: „Mi deziros esti ĝuinta la manĝaĵon preparitan de mia onklo." Plenkreskaj ili do kreos perfektajn eseojn, sed antaŭe ne diros unu silabon. Tiamaniere oni ne lernas lingvojn – cetere ankaŭ nenion alian. Oni ne kuiros majstran menuon nur studinte receptojn.
Infanoj komencas paroli sen imago pri gramatiko. Ili lernas ĉar gepatroj kaj parencoj komunikas kun ili kaj ĝojas pri ĉiu vorto. Eraroj estas anticipataj - ĉefaĵo ke la infano ion diras. Lingvoinstruo kiu baziĝas sur evito de eraroj estas perdita tempo.
La citita ĵurnalisto sugestas interkomunikadon per regulaj translimaj retkonferencoj. Mi rekomendas funkciantan grupan vivon kaj partoprenon en kongresoj kaj renkontiĝoj.
Eble helpas alia gazeta trovitaĵo kiu raportas pri studo de la universitato de *Maastricht*. Kvindekopo de germanoj lernantaj la nederlandan lingvon montris, ke prononcado en fremda lingvo pliboniĝas post konsumo de glaso da vodko. Unu glaso da vodko – kvin glasoj da *Becherovka* igas muta la sekvantan matenon.

Amikajn salutojn



**Guido Brandenburg**

# Enhavo:



**Internacia Fervojisto**
Dumonata fervojfaka revuo en Esperanto kaj organo de la Internacia Fervojista Esperanto-Federacio (IFEF)
Apero: Januaro, Marto, Majo, Julio, Septembro, Novembro
Redaktofino: La 10-a de la antaŭa monato



**Bank-Konto:**
**Nomo:** „Laurent Vignaud"
**IBAN:** FR33 20041 0 1011 0929 374Y 03237
**BIC:** PSSTFRPPNTE

**UEA-konto:** iffk-o

**Retejo**: www.ifef.net
**Facebook:** https://www.facebook.com/pages/IFEF-Internacia-Fervojista-Esperanto-Federacio/726039834155372



Tunelbormaŝino en la esplora tubo sub komunumo Pfons
(Foto: BBT-SE/Mediathek)

## Plia tunelo, plia rekordo

La *Gotthardt*-bazlinia tunelo en Svislando ĵus (en Junio pasintjara) estas inaŭgurita. La *Brenner*-bazlinia tunelo inter la najbaroj Aŭstrio kaj Italio havas ankoraŭ tempon ĝis 2026. Sed tiam ĝi inkluzive la jam ekzistantan alkroĉotan *Inn*-valan tunelon estos 64 kilometrojn longa kaj la plej longa tunelo de la mondo.
Ankaŭ tiu projekto celas migrigi kargon de la strato sur la trakon. 40 % de la traira trafiko en la centraj Alpoj pasas sur la *Brenner*-akso. La komunumoj apud la aŭtoŝoseo trans de jardekoj ĝemas pro kreskanta trafiko kaj kreskantaj emisioj. Prognozoj por 2017 parolas pri 2,2 milionoj da kamionoj. La vicoj okaze longas pli ol 100 kilometrojn.
La malnova fervoja traceo el la deknaŭa jarcento kun 25 promilaj deklivoj okaze postulis tri trakciajn lokomotivojn, kaj kun mezume preskaŭ 250 trajnoj tage ĝi atingis sian kapacitan limon.

La ŝancoj de la nova tunelo sumiĝas el la reduktitaj deklivoj (4-6 ‰ en la tunelo kaj 12 ‰ sur la alkondukaj linioj), el la pli vastaj radiusoj kaj el la tiel atingeblaj rapidecoj. En la tunelo pasaĝeraj trajnoj ruliĝu kun rapideco de 250 km/h kaj kargotrajnoj de 160 km/h. La vojaĝotempo inter *Innsbruck* kaj *Bolzano* duoniĝu.




Necesas trabori 230 km da roko – perspektivo de sudo
(Skemo: BBT-SE/Mediathek)

De nordo entunele kuniĝos linio de *Innsbruck* kaj linio konektita al la Inn-vala tunelo. En la sudo debranĉiĝos apartaj tuboj por atingi la ekzistantan linion. Je la ĉefa suda aperturo komenciĝos novkonstruota linio ĝis *Verona.*

La *Brenner*-bazlinia tunelo antaŭvidas plurtuban sistemon kun apartaj tuboj por po unu trako kaj esploran tubon 12 metrojn pli sube. Ĝi ebligu geologian kontrolon dum la konstruo kaj utilu poste kiel priserva kaj senakviga tubo.

La du trafikaj tuboj ĉiu 333-metre estas traverse interligotaj kaj disponas pri tri danĝerkazaj haltejoj en distanco de 20 kilometroj kun eblo evakui al ekstero tra apartaj galerioj.
Entute necesas trabori 230 km da roko.
Novaj helpiloj en tunelkonstruo ŝajnas la „Multflankaj Servo-Veturiloj“, kvazaŭ trajnoj sen relvojo, kondukataj per lasera sistemo. Ili solvas la problemojn de la transporto de elborita materialo, de konstruelementoj kaj de laboristoj inter laborloko kaj tunelaperturo. En diversaj varioj kombineblaj ili povas atingi longon de 60 metroj kaj tiel movi 97 tunojn da materialo. Alternative eblas ilin uzi kiel savan rimedon kun aparta persontransporta kaj fajron-estinga ekipaĵo.



Multflanka Servo-Verurilo en diversaj kombinoj
(Skemo: BBT-SE/Mediathek)

La *Brenner*-bazlinia tunelo formas parton de la *SCAN-MED*-koridoro, relvojo de Skandinavio al la Mediteraneo subvenciata je esenca parto de Eŭropa Unio. La ceteron pagas Aŭstrio kaj Italio po duone. Fakuloj aŭguras kostojn de 10 miliardoj por planado, konstruo kaj ekipo.
Grandaj projektoj ĉiam altiras same pozitivan kiel negativan kritikon. La decido disponigi la novan tunelon same al rapida pasaĝera kiel al malrapida kargotrafiko limigas la eblan kapaciton. Koncernataj komunumoj pridubas la efikecon de la investita mono kaj postulas, post inaŭguro de la nova fervoja linio tuj limigi la surstratan trafikon. Aliaj timas pri sia trankvilo kaj suspektas, ke plia kapacito altiros plian trafikon.
Ĉi-lastaj komune kun malforta politika volo sukcesos almenaŭ bremsi la realigon. Antaŭvideble en Germanio kiel jam inter *Mannheim* kaj *Basel* (itinero *Rotterdam – Genova*, vd. IF 2016.4) ankaŭ inter Munkeno kaj *Kufstein* lamos la konstruo.

Fonto: *Westfälischer Anzeiger,* Aŭgusto 2017
(Foto titolpaĝo: BBT-SE/Mediathek, Trarompo Aicha-Mauls Novembro 2011)

**Guido Brandenburg**



Kargotrajno kun duetaĝe stakigitaj konteneroj en Arizona (Usono)
(Foto: BriYYZ, WikiMedia)

## Usono: Vartrafika kunlaboro sur la nordamerika kontinento

*Amtrak (National Railroad Passenger Corporation)* prizorgas la pasaĝer-trafikon en Usono, kaj oni provas en tiuj jaroj gajni pli da pasaĝeroj per diversaj renovigoj kaj modernigoj. Sed la vartrafiko – en Usono kaj ĝenerale sur la amerikaj kontinentoj – estas multe pli granda kaj grava.
Ekde la komenco ekzistas ĉiam pluraj entreprenoj ekspluatantaj. Jam kiam en 1869 finfine fervojo kunligis la kontinenton oriente-okcidente, estis du entreprenoj, *Central Pacific* kaj *Union Pacific*, kiuj venis ĉiu de sia flanko.
Poste kompreneble ankaŭ multaj landaj, translandaj kaj lokaj fervojoj trafikis/as en Usono kiel en ĉiuj aliaj landoj, sed samtempe oni ĉiam laboras por efektivigi kaj harmonigi la fervojan vartrafikon. Dum la lastaj jardekoj oni laboras trans la limo kun kanadaj fervojaj entreprenoj. La vartrafiko inter Kanado kaj Usono estas granda kaj grava.

Ekde 1980 la listo de aĉetoj, vendoj, memstarigoj kaj kunigoj de fervojaj entreprenoj en Usono estas longa.

En aŭtuno 2016 la trajnmagazino *Trains* prezentis grandan kaj ampleksan artikolon pri la aktuala situacio en Usono/Kanado.

Ĉiuj samopinias, ke ju pli granda reto kaj ju pli bona kaj ampleksa la kunlaboro, des pli valora la oferto estas al la klientaro.



Leland Stanford (ie en la mezo) ceremonie enbatas la lastan ŝpalonajlon konektante la liniojn de Union Pacific kaj Central Pacific
(Foto: historia)

La plej granda unuiĝo ĝis nun estis *CONRAIL*, kiu funkciis 1976-1999. En la jaroj tuj antaŭ la unuiĝo la fervoja sistemo de Usono kvazaŭ kolapsis. La firmao *Amtrak* en 1971 transprenis la pasaĝertrafikon, kaj ekde tiam funkcias – pri vartrafiko oni ne sukcesis, verŝajne ĉar la vartrafiko estas multe pli ampleksa ol la pasaĝera en Usono. En 1999 du aliaj entreprenoj aĉetis *CONRAIL*.

La opinioj pri la ’grand-entrepreno’ estas multaj. Kelkaj diras, ke la historio de *CONRAIL* timigas, aliaj diras, ke nur se oni povas oferti seninterrompitan reton de bordo al bordo, la klientoj volas vere konsideri la oferton. Kelkaj volas kunlabori, kelkaj ne.

La aktoroj sur la scenejo estas multaj, kaj la defioj estas multaj. La tria plej granda urbo de Usono, *Chicago*, la ĉefurbo de *Illinois* en la ‘Meza Okcidento’, estas unu el ili. Ĝi estas preskaŭ neevitebla loko en la transkontinenta transporto, sed ĝi estas botelkolo – ĝi situas ĉe la bordo de la lago *Ontario*, kaj tio limigas la urban arkitekturon. Sekve, sen grandaj renovigoj kaj alkonstruoj en kaj ĉirkaŭ *Chicago* oni ne povas krei vere glate funkciantan trafikon.

Ĉiuj estroj kaj direktoroj de la diversaj entreprenoj opinias, ke kunligo devos plibonigi la situacion: altigi la sekurecon, malaltigi la transporttempon. Sed kiel financi la necesajn ŝanĝojn? Ankaŭ oni devas interkonsenti kun komunumoj, regionoj kaj ŝtatoj, tra kiuj oni veturos.

Sendube la intenco plifortigi la vartrafikan reton estas bona, kaj estas necesa por ankaŭ estonte konkurenci kun la surstrata, ŝarĝaŭta trafiko.

Fonto: *Trains, the magazine of railroading*, Novembro 2016

**Lene kaj Jan Niemann**




## Nekredeble!

*„inOui”* estos la nova nomo, do „Eksterordinare“ aŭ „Nekredeble“ la pozitiva mesaĝo, samtempe kun interna majusklo kreanta anglan *„in*“ kaj francan *„Oui*“, do io kiel „enJes“. Kion tio do signifu? Eta enketo inter konatoj rezultigis novan hotelĉenon, aŭ parfumon, aŭ noblan fridonutraĵon? Ĉio malĝusta.

*„inOui”* kun minuskla komenca „i“ kaj dua „i“ sen duoblapunkta diakrito nomiĝu la iama „TGV“, la franca altrapida trajno, la *„Train à Grande Vitesse“*. Kio provokis la francan ŝtatfervojon? Ĝi povus esti avertita. Antaŭ kvar jaroj SNCF lanĉis favorofertojn en la TGV-reto sub la nomo „ouiGo“. Sed ke ĝi nun serioze forlasas la ŝatatan francan kutimon de akronimoj por fari en komerca slango *„inOui“* el la meritoplena kaj honorinda „TGV” - nacia institucio depost sia ekfunkcio 1981- pri tio ne eblis kalkuli.
La SNCF-ĉefo Guillaume Pepy klopodis preventi la vekiĝantan mokon. La motorvagonaroj ja plue nomiĝos „TGV”. Sole la nova kaj pli bona servo bezonata ekde 2021 en konkurenco kontraŭ la privataj entreprenoj sur la rapidlinia reto portu la nomon *„inOui“*.
Sed vane. Ĉarma retklaĉo publikigis, ke la fervoja ĉefo nun nomiĝos Guillaume PepOui.
Estintus utile memorigi la francojn plue flegi sian riĉan kulturon de akronimoj, kiu transformas ĉiun trian artikolon en la politika kaj la ekonomia sekcioj de francaj gazetoj en instigan divenoludon.
Ni ĉiakaze en estonteco ne prenos la TGV al Parizo, sed la CDTGV. Ĝi sonas kiel sindikato aŭ administracia ebeno, do tre france. Kaj aldone la mallongigo de la iama (*ci-devant*) TGV ĝis nun estas nerezervita.
Ĉu eble?

Fonto: *Frankfurter Allgemeine Zeitung*, Majo 2017

**Guido Brandenburg**

---

## Aliĝilo papera
## por la 70-a Internacia Fervojista Kongreso de IFEF



Kaze de bezono: Elkrampu, plenigu kaj sendu ĝin al la LKK-adreso:

**Silezia Esperanto-Asocio** str. Kościuszki 35 B/E PL 50-011 Wrocław




# ALIĜILO

## por la 70-a kongreso de IFEF
## 19-a ĝis 25-a de Majo 2018
Wrocław, Pollando

Retadresoj por sendi aliĝilojn
pomer@wp.pl ; wlib24@o2.pl

LKK-adreso:
Silezia Esperanto-Asocio str. Kościuszki 35 B/E PL 50-011 Wrocław

Konstanta paĝo de la kongreso: http://ifef.free.fr/Vroclavo2018

La LKK petas vin **prefere uzi la elektronikan aliĝilon en la jena paĝaro :**
**https://ifef.vroclavo.damj.es**

| Familia nomo | Persona nomo | Naskiĝjaro |
|---|---|---|
| | | |
| Adreso | | |
| | | |
| Hejma Telefono: | Poŝtelefono: | |
| Ret-adreso: | | |
| IFEF-ano jes ne | viro virino | (nuligu ne taŭgajn) |

| **Kotizo en Eŭro** | **ĝis 31.01.2018** | **poste** | **elektita pago** |
|---|---|---|---|
| IFEF-membro | 60 | 80 | |
| IFEF-membro loĝanta en B-lando laŭ UEA-difino, familiano, junulo ĝis 30 jaroj | 30 | 40 | |
| Ne IFEF-membro | 70 | 90 | |
| Ĉambro-perado | 3 | 3 | |
| **D1a**: Urbovizitado Wrocław piede, 2 h | 3 | 3 | |
| **D1b**: Urbovizitado - Botanika Ĝardeno | 5 | 5 | |
| **D2**: Fervoja muzeo Jaworzyna + Świdnica (kun tagmanĝo) | 30 | 30 | |
| **D3**: Urbovizitado per ŝipeto sur rivero (kun vespermanĝo) | 20 | 20 | |
| **T1**: Tuttaga ekskurso: Karkonosze montaro (kun tagmanĝo) | 40 | 40 | |
| Tranoktado laŭ elekto *(minimume unu nokto, vd. ĉambromendilo)* | | | |
| Libervola donaco al la kongresa kaso | | | |
| **Postkongreso Kraków, Wieliczka 25.05. - 28.05** (3 tagoj kun trajna veturo, plena pensiono, urbovizitado, ekskurso al salminejo Wieliczka, kultura programo). La nombro de la aliĝontoj estas limigita. | 240 | 250 | |
| | | **Sumo** | |

# Ĉambro-mendilo

La hotelaj prezoj estas indikitaj en Eŭro por unu nokto, kun matenmanĝo.
Prefere menciu la kunloĝanto(j)n kaze de plurlita ĉambro.
Mi volas loĝi kun:
Mi mendas la jenajn noktojn (bonvolu signi)

| Noktoj. | 17/18 | 18/19 | **19/20** | **20/21** | **21/22** | **22/23** | **23/24** | **24/25** | 25/26 | 26/27 | 27/28 | 28/29 |
|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|
| | | | | | | | | | | | | |

| | | |
|---|---|---|
| Wrocław - **Hoteloj Piast** (kongresejo) **kaj Europejski** (***), str Piłsudskiego | | |
| po persono en unulita ĉambro | **50 €** | |
| po persono en unulita ĉambro kun duobla geedza lito | **30 €** | |
| po persono en dulita ĉambro | **30 €** | |
| po persono en dulita ĉambro por handikapitoj (entute 3 ĉambroj) | **30 €** | |
| po persono en dulita ĉambro **en hotelo Polonia** | **20** € | |
| po persono en kvarlita ĉambro **en hotelo Polonia** | **14** € | |
| Oferto de tagmanĝo en hotela restoracio Piast aŭ Europejski | **9 €** | |
| Oferto de vespermanĝo en hotela restoracio Piast aŭ Europejski | **9 €** | |
| Sume | | |

| | |
|---|---|
| **Pagoj por Pollando en PLN:**<br>- per ĝiro al **Wiesław Libner**<br><br>PKO BP S.A. O/Gniezno<br>**60 1020 4115 0000 9102 0025 5414** | **Internacia ĝiro en Eŭro** al<br>**Teresa Pomorska**<br>**IBAN:**<br>PL13 1940 1076 **4896 8264 0000** 0000<br>**BIC/SWIFT:** AGRIPLPR |

1. **Ĉiu partoprenanto bonvolu plenigi kaj sendi apartan aliĝilon por la kongreso al la retadresoj de Teresa Pomorska: pomer@wp.pl kaj Wiesław Libner : wlib24@o2.pl**
2. Sendu la pagon al unu el la indikitaj banko-kontoj de la LKK. Oni traktos la aliĝon nur subskribitan kaj nur post alveno de la pago.
3. Se vi pagas por alia persono, kiu nepre devas sendi apartan aliĝilon, menciu precizajn informojn pri la koncerna persono: nomon, landon, kompletajn kontaktadresojn.
4. Kongres-kotizo neniukaze estas repagebla. La pagoj por la ceteraj servoj estas repageblaj post la depreno de 10% por administrado, kondiĉe ke LKK ricevos la **malmendon ĝis la 31-a de Marto antaŭ kongreso.**
5. LKK konfirmos per konfirmilo la akcepton de ĉiu aliĝilo, post la ricevo de la koncerna pago, per indiko de via kongresa numero kaj de ĉiuj antaŭmenditaj kaj antaŭpagitaj servoj.
6. **LKK havas la rajton ŝanĝi la prezojn pro granda inflacio aŭ se aliaj neantaŭvideblaj kondiĉoj postulos tion.**
7. **Mi konfirmas, ke mi konsentas kun la ĝeneralaj instrukcioj presitaj en ĉi tiu aliĝilo kaj aparte deklaras, ke mi havas san- kaj akcident-asekuron por mia restadperiodo en Vroclavo, en Pollando, dum la 70-a IFEF Kongreso kaj Postkongreso en Krakovo.**
8. Mi konsentas / ne konsentas, ke mia retadreso aperu en la kongresa libro (nuligu ne taŭgan indikon).

**Loko, dato:** **Subskribo:**

**PROVIZORA PROGRAMO de la 70-a IFK**

| | | |
|---|---|---|
| **Sabato**<br>19.05.2018 | 10.00 – 21.00<br>17.00 – 18.00<br>18.00 – 19.00<br>19.00 – 20.00 | Akceptado / Informado<br>Kunveno de la IFEF-Estraro kaj LKK<br>Kunsido de la IFEF-Estraro<br>Interkona vespero… poste foriro por rigardi Vroclavan Multmedian Fontanon |
| **Dimanĉo**<br>20.05.2018 | 08.00 – 20.00<br>**10.00 – 12.00**<br>12.00 – 12.30<br><br>14.30 – 16.30<br>17.00 – 18.00<br>17.00 – 18.00<br><br>20.00 – 22.00 | Akceptado / Informado<br>**Solena Inaŭguro**<br>Komuna foto, Gazetara konferenco<br>*paŭzo*<br>**Urbovizitado piedire - D1a**<br>Kunsido de la laborgrupoj (raportoj pri agado), publika<br>E-kurso por komencantoj<br>*paŭzo*<br>Nacia vespero |
| **Lundo**<br>21.05.2018 | **09.00 – 12.00**<br>09.00 – 12.00<br>09.00 – 12.00<br><br>14.00 – 18.00<br>14.00 – 15.30<br>15.30 – 18.00<br><br><br>20.00 – 21.00<br>21.00 – 22.30 | **Nepublika Komitatkunsido**<br>E-kurso por komencantoj<br>Urbovizitado **- D1b (Botanika ĝardeno)**<br>*paŭzo*<br>Kunsido de la Faka Komisiono<br>Ateliero pri informadiko (bazaj informoj)<br>Ateliero pri ĵurnalismo (pri kiel verki ĵurnalistan artikolon kaj efike kunlabori kun redakcioj/ ĵurnalistoj)<br>*paŭzo*<br>Prelego pri la regiono<br>Venonta kongreso sin prezentas |
| **Mardo**<br>22.05.2018 | **09.00 – 11.00**<br>09.00 – 11.00<br><br>11.30 – 21.00 | **Ĉefa fakprelego kaj aliaj prelegoj**<br>E-kurso por komencantoj<br><br>**Faka ekskurso D2 – Fervoja muzeo en Jaworzyna Śląska (per trajno al Koleje Dolnośląskie) + vizitado de Świdnica** (kun tagmanĝo) |
| **Merkredo**<br>23.05.2018 | 09.00 – 12.00<br>**09.00 – 12.00**<br>12.00 – 13.30<br><br>16.00 – 20.00 | E-kurso por komencantoj<br>**Plenkunsido**<br>Movadaj aferoj; konkluda kunsido de la laborgrupoj, publika<br>*paŭzo*<br>**D3**: Urbovizitado per ŝipeto sur rivero (kun vespermanĝo)<br>**Dancvespero** |
| **Ĵaŭdo**<br>24.05.2018 | **09.00 – 18.00**<br><br><br>20.30 – 22.30 | **Ekskurso T1** – Karkonosze, Jelenia Góra, Kowary<br>(kun tagmanĝo)<br>*paŭzo*<br>**Koncerto; Ĝisrevida vespero** |
| **Vendredo**<br>25.05.2018 | **09.00 – 10.00**<br>10.00 – 10.30<br>10.30 – 11.30<br><br><br>**12.30** | **Solena fermo**<br>Kunveno de la IFEF-Estraro kaj LKK<br>Estrarkunsido de IFEF<br><br><br>**Forveturo per trajno al Krakovo, kie okazos postkongreso** |

# Provizora programo de la Postkongreso
# (25-a - 28-a de Majo 2018)

| | | |
|---|---|---|
| **Vendredo**<br>25.05.2018 | 16.00<br><br>18.00 – 21.00 | Akcepto<br><br>Promenado tra malnova urbo |
| **Sabato**<br>26.05.2018 | 09.00 – 17.00<br>19.00 – 21.00 | **Tuttaga ekskurso al fama salminejo Wieliczka**<br>Kultura programo – kunveno kun lokaj esperantistoj |
| **Dimanĉo**<br>27.05.2018 | 09.00 – 16.00<br>18.00 – 21.00 | **Ekskurso al Wawel kaj Kazimierz (juda kvartalo)**<br>Kultura kaj arta programo |
| **Lundo**<br>28.05.2018 | 09.00 – | **Forveturo (Stacidomo Kraków Główny aŭ trajne al flughaveno Kraków – Balice)** |

## ANONCO pri la fakprelegoj

Laŭ la programo de la 70-a IFEF-kongreso estos prezentitaj pluraj fakprelegoj.
La resumo de la ĉefa fakprelego estu sendita **al Rd ĝis la fino de Januaro 2018** por aperigi ĝin en nr. 2 de IF, kaj **al Gv de la Faka Komisiono ĝis la fino de Marto 2018.**
La preleg-dezirontoj estas petataj anonci sin kaj prezenti la resumon de la prelegoj al LKK kaj al Gv de FK **antaŭ la 31-a de Marto 2018.**
Faka Komisiono elektos laŭtemajn altkvalitajn prelegojn el diversaj landoj, por ke la ĉeestantoj povu interŝanĝi kaj ĝui la sukcesajn rezultojn pri la fakaj scienc-teknikaj esploroj kaj pri la fervoja evoluo en la mondo.
Bonvolu sendi la prelegojn kun simpla memprezento pri la aŭtoro al la retpoŝta adreso: esperanto@kabelmail.dk kaj **wlib24@o2.pl**

**Kiel atingi la kongres-urbon Wrocław?**
**Aviadile**: flughaveno Wrocław Strachowice
De flughaveno per buso **106** al fina haltejo – strato Dworcowa, apud stacidomo Wrocław Główny
**Trajne:** diversaj trajnoj: InterCity, Przewozy Regionalne kaj Koleje Dolnośląskie

La hotelo **"Piast" str. Piłsudskiego 90 troviĝas vid-al-vide de la stacidomo Wrocław Gł.** (la hoteloj **Europejski** kaj **Polonia** estas apude, en la sama strato).

**Kaj jen mapo pri la ĉirkaŭaĵo de la stacidomo Wrocław Głowny kun hoteloj Piast, Europejski kaj fina haltejo de la buso 106**



## Preparoj por la 70-a IFK progresas

La LKK rotacias. La programo kompletiĝas. Aldoniĝas interkonsentoj kun la hoteloj kie loĝos (kaj manĝos) la partoprenantoj. Ekruliĝas la kampanjo propaganda.




Funkcias kongresa retpaĝo https://ifef.vroclavo.damj.es kun pliaj informoj pri loko kaj aranĝo.

La menuo ankaŭ kondukas al surekrana formularo kiu faciligas la aliĝon por tiuj kiuj havas retan aliron. Estas tamen petate por konfirmo de la indikoj aldone sendi ordinaran aliĝilon kun retmesaĝo.

La oferto mendi tag- kaj vespermanĝon en hoteloj Piast aŭ Europejski necesigas informon pri la koncernaj tagoj, dum kiuj tiu servo estas dezirata. Eblecoj estas liberteksta fenestro en la reta aliĝformularo, la retmesaĝo mem kun la alkroĉita ordinara aliĝilo aŭ aldonita leterinformo, se vi preferas aliĝi paperpoŝte.



Diligenta LKK-membro

**Guido Brandenburg**




Reloj ligas la landojn – supo la popolojn
(Foto: J. Mirkovič)

## Fervojistoj ankaŭ scipovas kuiri - Bograĉfesto 2017

Sabaton, la 26-an de Aŭgusto 2017 en *Lendava* okazis tradicia aranĝo: konkuro en kuirado de Bograĉo.
Bograĉo estas speco de gulaŝo, kuirita kutime ekstere en apartaj kaldronoj. Lendava estas de Eŭropa Unio proklamita Bograĉmetropolo. La Bograĉfesto okazas tradicie ĉiam la lastan sabaton de la monato Aŭgusto. Kutime partoprenas inter 95 kaj 100 teamoj, jam kelkajn jarojn ankaŭ la Fervojista Esperanto-Societo Maribor kun sia internacia skipo el tri ĉefaj kuiristoj kaj iliaj helpantoj el tri aŭ kvar landoj.
Tio donas apartan ĉarmon al la teamo kaj diskonigas la feston kaj la lokon de ĝia aranĝo en la mondo.
La reguloj estas simplaj. Kontraŭ enpago de 140 € ĉiu skipo ricevas samajn ingrediencojn: almenaŭ tri specojn de viando, je pezo de po 1 kilogramo (porka, bova aŭ kapra), kilogramon da cepoj kaj terpomoj. Aldoniĝas ruĝa papriko kaj aliaj spicoj.

Kiamaniere ĝi kuiros kaj kiajn spicojn ĝi aldonas estas la afero de ĉiu teamo. Je la fino oni portas telerplenon al juĝkomisiono, kiu pritaksas guston, densecon kaj aspekton de la manĝaĵo.
Ĉifoje nia teamo atingis bonan bronzan rangon - malpli ol pasintjare, sed tamen kontentige. Oni ne forgesu, ke la skipoj estas preskaŭ egalspertaj kaj nur nuancoj decidas.
Sed nia slogano estas: *Ĉefe estas partopreni!*



Viando, terpomoj, papriko kaj kelkaj kuiraj sekretoj

Sur niaj tabloj kuŝis pli ol cent faldfolioj, lernolibroj kaj alia Esperanto-materialo. Publiko kaj vizitantoj ĉion forprenis. Multaj serioze informis sin pri nia lingvo. La efikon ni vidos. Vizitis nin esperantistoj eĉ el orienta Hungario kaj Aŭstrio. Bona signo estis reveno de kelkaj niaj »perditaj societanoj«. Ili promesis estonte, engaĝigon en la societa agado.
Je la fino de la festo ni senpage disdonis la kuiritan specialaĵon. Ĉiuj laŭdis kaj dankis pro la gastigado kaj la organizo de ĉarma tago.
Kun la kolektitaj mondonacoj ĉifoje ni estis ege kontentaj. Ili kovris la kostojn de senpaga oferto de vino, sukoj kaj kukoj.
Jam nun ni invitas vin por venontjare travivi lastan sabaton de Aŭgusto en nia gaja socio, okaze de Bograĉfesto 2018.

**J. Mirkovič**

# La prezidia kunveno de FISAIC – koncizigita protokolo




Ĉeestis la kunvenon reprezentantoj el 16 landoj, la estraro kaj la FISAIC-oficejo.
Enkonduke la Ĝenerala Prezidanto (ĜP) Guy Gieres resumis la laboron. En FISAIC aktuale membras 26 landaj asocioj. Dank' al la Memorando pri Interkonsento (MoU) decidita de FISAIC kaj UIC estiĝis novaj kontaktoj. La ĜP karakterizis la aktualan situacion de la federacio, apelaciis al la funkciuloj, ke FISAIC devas vidi la ŝanĝojn ĉe la fervojoj kaj en la tutmondiĝanta socio, agnoski ilin kaj adaptiĝi. Je la fino li deklaris sian retiriĝon el la tasko de la ĜP.
Transprenis Adjunkta Prezidanto (AP) Kurt Neuwirth la gvidon de la kunveno.




Serbio estas eksiĝinta. La novmembro Grekio organizos la Ĝeneralan Asembleon 2018. Hispanio anoncis membrecon de la sekcio miniatura fervojo kaj maketoj. Al Portugalio kaj Kazaĥio sekve de la MoU kun UIC kreskas kontaktoj.
La bilanco de aktivecoj montris ke FISAIC havas deficiton komunikan interne kaj ekstere, ke la celgrupo junaj fervojistoj kaj junaj familioj ne estas sufiĉe atentata kaj ke necesas du- kaj plurlateraj aranĝoj.
La delegacioj raportis pri okazintaj eventoj kaj kampanjoj. Speciale menciinda estis la tre sukcesa ĉeĥa kaj slovaka YouTube-tendaro, sukcesa pro bona preparo, akompano kaj sekva laboro, pro la preteco de la alparolitaj entreprenoj subteni per ne-monaj rimedoj kaj pro la granda akceptemo en la juna celgrupo. Aŭstrio indikis, ke jam 800 partoprenontoj estas aliĝintaj al la FISAIC-Festivalo en Wels. Oni kalkulas pri sume pli ol mil.

Aldonataj al la kalendaro de la FISAIC-aranĝoj estis Briĝo-konkurso en *Voss* (NO), artekspozicio en *Gent* (BE), radioamatora kunveno en *Tapolca* (HU) kaj la Ĝenerala Asembleo de FISAIC en Ateno (GR).

Oni substrekis, ke kadre de FISAIC-aranĝoj aperu la FISAIC-emblemo, ke ĉeestanta FISAIC-reprezentanto havu okazon oficiale paroli kaj ke ĜP kaj kunordiganto de la Teknika Komisiono ricevu raporton.



La konkurson pri nova „Venuso de *Arles*“, la honoriga premio de FISAIC, gajnis la franca propono.

Aŭstrio ripetis la inviton al la FISAIC-Festivalo. IFEF sendos delegacion por informi pri sia laboro kaj se eble kontribuos al la muzika programo.

Fonto: Protokolo prezidia-kunveno 31.08.-03.09.2017

**Guido Brandenburg**

## Bad Tölz – kelkaj tre supraĵaj impresoj pri la FISAIC-prezidia kunsido

En pluve malhela bavara urbeto *Bad Tölz* de la 31-a de Aŭgusto ĝis la 3-a de Septembro renkontiĝis la FISAIC-Prezidio kadre de aranĝo kun labora kaj turisma programo kaj mirige multaj gastoj.




Mi nur partatempe povis ĉeesti kaj nur kiel observanto, sed kunprenis profundan impreson pri la multkoloreco de la organizaĵo, kies membroj - de kie ajn ili venas - batalas kontraŭ mankanta agnosko kaj ŝrumpantaj buĝetoj. Kaj tamen ili

elkovas novajn ideojn, eble transporteblajn kaj aplikeblajn, kiel la retfilma tendaro de junuloj por junuloj organizita de la ĉeĥa sekcio kaj entuziasme akceptata de la specifa celgrupo.
Spite la penon kiun tutcerte ĉiu sekcio estis investinta en sian raporton ne ĉiu estis vere komprenebla. Parto kontraŭe demonstris la neceson de funkcianta internacia lingvo …



Danco kaj muziko ne peras informojn sed vekas simpatiojn kaj intereson pri diversaj kulturoj. Tion eblis sperti dum la vesperaj kontribuoj. Bavarajn ĉambarbajn ĉapelojn kaj ledajn pantalonojn sekvis bunte teksitaj ĉirkaŭventraj tukoj kaj sopiriga muziko alportitaj de la greka delegacio, kiu ĉendancante invitis al la venontjara Ĝenerala Asembleo.



La atentema organiza teamo ĉirkaŭ Barbara Sciesinski sukcesis varmigi la atmosferon de la kunveno kaj helpis imagi montaran panoramon kaj someron (apud hejtilo, pluvombrelo kaj fermeblaj pordoj kompreneble).

**Guido Brandenburg**




Provizita per informoj pri la avantaĝaj trajtoj de lupolo, feĉo kaj malto la estraro prepariĝas al hejmenveturo. (Foto: Laurent Vignaud)

# Aŭtuna estrarkunsido

En *Baiersbronn* – urbeto en la Nigra Arbaro (sudokcidenta Germanio, se iu ĝin serĉas) komence de Oktobro okazis jarkunveno de GEFA, la germana landa asocio de IFEF, kiu ankaŭ invitis la IFEF-estraron kunsidi je tiu okazo.

Ne ĉiuj estraranoj sukcesis ĉeesti. Rodica pro la sekvoj de akcidento devis resti hejme. Laurent povis alvojaĝi nur post la fino de la aranĝo.

Jan kaj Lene de *Helsingør* kun plurhora malfruo helpe de plenegaj regionaj trajnoj trabatalis sin ĝis planpereo en Hamburgo kaj tranoktis en spontanee aranĝita hotelo sen konkreta espero pri pluvojaĝo, tiam, tagon poste, post mirakla refunkcio de unuopaj linioj aliĝis al karavanoj tra

nekonataj pejzaĝoj kaj tridek sep tramstaciojn post *Karlsruhe* sentis firman teron sub la piedoj.
En la nordie kutima maniero maltroigi Jan kaj Lene karakterizas la kondiĉojn de la alvojaĝo ”kun malmultaj ŝanĝoj dum la irvojo”.
Ŝtormo ”*Xavier*” blokis la trajntrafikon en norda Germanio (marĝene: Kolego ”*Herwart*” tri semajnojn poste atencis la kunvenon de la GEA-Konsilantaro – ĉu hazardo?)
Sed mi transdonu la vorton:

Gaste ĉe GEFA

La 2017-an jarkunvenon de GEFA en Oktobro ni parte partoprenis – kun nur malmultaj ŝanĝoj dum la irvojo kaŭze de la ventego *Xavier*, kiu paralizis dum kelkaj tagoj la nordan/nordokcidentan trajntrafikon en Germanio.

Ni ĝustatempe alvenis al la ĉarma urbeto *Baiersbronn* en belega aŭtunkolora Nigra Arbaro. Facile ni trovis la BSW-hotelon kaj instaliĝis. Je la vespermanĝo okazis multaj revidoj, brakumoj kaj babiladoj.

La ‘ne-organizan’ programon de la jarkunveno ni tre ĝuis:

- Vizito en Freudenstadt, i.a. rondveturo per trajneto
- Konatiĝo kun Wilhelm Hauff kaj liaj (iom timigaj) fabeloj
- Bonegaj manĝoj
- Nigrarbara ĉerizkuko
- Amika kunestado

Venis ankaŭ Vito kaj Laurent por post la jarkunveno okazigo IFEF-estrarkunvenon kune kun Guido kaj Jan, sed estas tute alia historio …

J&L

**Guido Brandenburg**

## Rolf Bergh – 10-a de Oktobro 1921 – 18-a de Aŭgusto 2017



La lasta de la NEFA-kunbatalantoj kaj -amikoj forpasis pasintaŭguste.
Rolf Bergh estis en sia aktiva fervojista vivo trafikinspektoro. Li estis mult-mult-jara membro de NEFA kaj de IFEF, en periodo prezidanto de NEFA kaj dum multaj jaroj komitatano de NEFA ĉe IFEF.
Verŝajne multaj el vi, kiuj legas tiujn liniojn, memoras lin de kongresoj ĉie en Eŭropo – kaj lian humoron, lian agemon, lian amikecon.
Okaze de lia 80-a naskiĝdatreveno en 2001 alia bona norvega amiko, Per Johan Krogstie, skribis:
*"Plej karakteriza por Rolf Bergh estas lia talento por organizado, kaj dum la jaroj kiam li estis esperantisto li en ĉiuj medioj montras eksterordinaran aktivecon kaj dinamikon, kaj ĉie kie li agadas sekvis pozitivaj rezultoj.*
*Precipe menciinda estas lia giganta laboro dum la 42-a kongreso de IFEF en Hamar en 1990, kiam dank' al li la kongresanaro el nepagipovaj landoj restadis senpage.*
*Cetere li kelkfoje aranĝis naciajn kongresojn kaj kunvenojn.*
*Rolf Bergh faris multe por aranĝi kursojn por komencantoj, precipe per la lokaj radioelsendejoj vaste en Norvegio, kaj ankaŭ enkadre de la Esperanto-klubo 'La Urso' en la hejmurbo Sarpsborg."*
Dum la lastpasintaj jaroj ni ne vidis Rolf – la lasta kongrespartopreno estis en 2012.
La mortanonco en *Sarpsborg Avis* ne mencias Esperanton, sed ĝia teksto montras, ke nun li mankas al granda aro da familianoj, kaj niaj pensoj iras al ili, kiuj funebras, sed kiuj tamen ankaŭ povas ĝoji pri la vivo de Rolf, pri liaj faroj kaj pri lia personeco.

Li ripozu en paco.

**DEFA**

## Enhavo 2017

### IF 2017.1



### IF 2017.2



### IF 2017.3



### IF 2017.4



### IF 2017.5



### IF 2017.6